Brazila Esperanto-Ligo
psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Decembro n-ro 12/2009

## FELIĈAN KRISTNASKON !

Finiĝas unu plia jaro kaj tradicio ordonas, ke oni rememoru kaj bondeziru ĉe la naskiĝo de la Kristo, kvankam ne ĉiuj legantoj estas kristanoj, kaj eventuale iuj severuloj povus grumbli koncerne neŭtralecon. Tradicio same ordonas, ke oni reekzamenu niajn agojn dum la pasinta jaro kaj planu agojn por la estonta. Eventuale severuloj same grumblos pri la vaneco de tia tradicio. Ni tamen insistos pri tia tradicio, ĉar supozeble ĝi ofendas neniun.

Brazila Esperanto-Ligo finas sian laborjaron kun relativa sento de kontenteco. "Relativa", ni ripetu, por eviti unu plian grumblon. Kompreneble mankis, mankas kaj bedaŭrinde plu mankos multo en nia movado. Ni tamen rigardu ĝin per optimismaj okuloj. Nian kongreson en Juiz de Fora plej multaj partoprenintoj taksas sukcesa. Nia "BEL-konferencoj", en Bandeira do Sul, kvankam laŭ kvanto da partoprenintoj ne estis impona, tamen firmiĝas en nia kalendaro. Nian retejon (dankon, Saliba!) ĉiuj entuziasme aprobas. Nia libroservo iom post iom enkondukas sistemon de pli facila pago, kaj klopodas superi organizajn problemojn. BEL aktive partoprenis la agadon por apogo al la leĝoprojekto de Senatano Cristóvam Buarque por faciligi enkondukon de Esperanto en brazilajn lernejojn. Nia revuo "Brazila Esperantisto" reprenis sian aperadon kaj ĉi tiu bulteno ĉiumonate atingis la membrojn (kaj ankaŭ nemembrojn), ĉu rete, ĉu papere. La administra funkciado de nia Centra Oficejo, komence sub Carlos Maria, nun sub Rogério Ferreira, fluas multe pli trankvile. Kaj pluraj ŝtataj asocioj pli efike kaj intense laboras, kaj pluraj regionaj renkontoj de Esperantistoj okazas, tiel ke nia kalendaro foje ŝtopiĝas.

Ĉefe, ni ne forgesu nian plej gravan atingon. Sub la morala protekto kaj prizorgado de nia Prezidanto José Passini, nia movado repaciĝis. Nun eblas, ke ĉiuj donu al si reciproke la manojn kaj laboru. Mankas multo (informado, eldonado, ekstermovadaj kontaktoj, instruado – la listo estas longa) sed ni jam havas la kernan punkton: interkonsento. Ni aŭguru, ke ĝis la proksima naskiĝo de la Kristo ni havos pli imponan liston da atingaĵon por prifieri!

Korajn jarfinajn bondezirojn!
La Redaktoro

## FELIZ NATAL !

Mais um ano se finda e manda a tradição que se cumprimente em nome do nascimento do Cristo, embora nem todos os leitores sejam cristãos, e alguém, mais severo, murmure quanto à neutralidade. Manda também que se faça uma revisão das realizações do ano que se vai e para o ano que chega. Talvez o severo murmure contra a inutilidade disso. Como nem uma coisa nem outro ofende, e nós o faremos, afinal.

A Liga Brasileira de Esperanto termina o ano relativamente satisfeita. Dizemos "relativamente" para não ferir o amigo severo. Claro que faltou e faltará muita coisa, mas vejamos com olhos otimistas. O congresso brasileiro, em Juiz de Fora, foi um sucesso. Nossa "Conferências da LBE", em Bandeira do Sul, firmou-se no calendário anual. Nosso sítio na internet (obrigado, Saliba!) tem aprovação unânime. Nosso serviço de livros tem se organizado para vencer as dificuldades de pagamento. A Liga participou ativamente pela aprovação do projeto de lei do Sen. Cristóvam Buarque, para facilitar o ensino do Esperanto nas escolas brasileiras. Nossa revista "Brazila Esperantisto" reapareceu e este informativo foi ao encontro dos associados (e de não associados). Sob a direção de Carlos Maria e agora de Rogério Ferreira, o Escritório Central mantém funcionamento satisfatório. Várias associações estaduais atuaram com entusiasmo e encontros regionais congestionaram o calendário.

E, sobretudo, a maior conquista: nosso movimento brasileiro reencontrou a paz! Sob a proteção moral e condução do Presidente José Passini, já é possível que todos demos as mãos e trabalhemos pelo ideal comum. Falta mais informação, ensino da língua, edição, contatos com o mundo não Esperantista – a lista é longa. Mas temos o essencial: entendimento. Esperemos que no próximo nascimento do Cristo tenhamos lista mais consistente a nos orgulhar.

Feliz Ano Novo!

O Redator

Já renovou sua adesão á
Liga Brasileira de Esperanto para 2010?

Ĉu vi jam aliĝis al Brazila
Esperanto-Ligo por 2010?

BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo
psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Decembro n-ro 12/2009

## NITERÓI: POEZIO EN LA KONSERVATORIO

En vendreda vespero okazis en la Muzika Konservatorio de la urbo Niterói / RJ Poezia Recitalo omaĝe al Sankta Cecília, patronino de muziko. La evento estis organizita de la deklamistino Maria Otília M. Camilo, kiu estas ankaŭ esperantistino. Unu triono de la programo konsistis el deklamado de poeziaĵoj en Esperanto aŭ en la portugala lingvo, sed pri Esperanto. Krome Neide de Barros Rêgo ankaŭ kantis en Esperanto la muzikon "Vieno, urbo de miaj revoj". Tiu sama muziko estis interpretita de Neide en alia evento, okazinta ĉe la Asocio de Emeritaj Profesoroj de la loka universitato. Do trafaj ekzemploj de normala diskonigado de la lingvo Esperanto al neesperantistoj. (Informis Aloísio Sartorato, Rio.)

## EKOLOGIA PROMENADO EN SAN-PAÚLO

Ekologio estas temo, kiu interesas multajn Esperantistojn. Lastatempe grupoj en Brazilo ekaperas kun agado liganta ambaŭ aferojn: en Minas, anonciĝis la fondo de Esperantista Grupo de Montaramantoj; en Lorena / SP, iel ligiĝas al tio la movado pri "Subĉielaj Lecionoj"; en Rio, la programo "Konu Rion Piede". Kaj je la 13-a de decembro, en San-Paŭlo, oni okazigis la "2-an Esperantan Ekologian Promenadon", en la arbara parko Itaguassu. La organizantoj detale instrukciis la partoprenontojn koncerne alirvojon kaj necesan materialon (eblis naĝi en lago). Oni disponigis fakan gvidanton. Oni kompreneble instigis la homojn paroli Esperanton dum la promeno: en la parko ne vivas krokodiloj...

## ARTIKOLO PRI ESPERANTO EN SINDIKATA REVUO

La aktiva samideano David Bianchini, en Campinas / SP sendis al ni la retan version de la novembra numero de bela revuo "SIMPRO CULTURA", kiu aperigis lian trafan artikolon pri Esperanto, sub la titolo "Esperanto, quem fala essa língua". La revuo apartenas al sindikato de profesoroj, kiu aktivas en tiu regiono. Eldonkvanto: 5000 ekzempleroj. Petu dosieron de davidesperantista@gmail.com .

## PLIA NUMERO DE LA SIMPATIA "SOTEROPOLITANO"

Danke ni ricevis kaj rekomendas la kvaran numeron / 2009 de "La Soteropolitano", organo de Bahia Esperanto-Asocio, kun kristnaska mesaĝo, artikolo pri la verda flago, pri sano kaj anekdoto. Petu ekzempleron de Ignaco Araújo, R. Cônego Pereira 47, Sete Portas, 40300-270 Salvador, BA.

## KORAN DANKON AL NIAJ KUNLABORANTOJ!

Ni ne rajtas fini la jaron sen fervora danko al la kunlaborantoj de "BEL informas", sen kiuj la bulteno ne atingus la legantojn akurate. Koran dankon al José R. Tenório (grafika aranĝo), Conceição Rodrigues (ekspedado de la papera versio) kaj Alfredo Aragon (reta ekspedado). Ni amas vin!

### POESIA NO CONSERVATÓRIO

O Conservatório Musical de Niteroi / RJ apresentou, em homenagem a Santa Cecília, patronesse da música, um Recital de Poesia. A iniciativa foi da Esperantista Maria Otília M. Camilo. Um terço do programa teve poemas em ou sobre o Esperanto. Neide B. Rego cantou "Viena, cidade dos meus sonhos". Belíssimo exemplo de promoção do Esperanto em meio não Esperantista. (Informou Aloísio Sartorato, Rio)

### PASSEIO ECOLÓGICO EM SP

Ecologia é assunto que interessa a muitos Esperantistas. Ultimamente, grupos em Minas (montanhistas), Lorena / SP (aulas ao ar livre), Rio ("Conheça o Rio a pé"), tem tido essa inclinação. Em 13 de dezembro último, organizou-se o "2º Passeio Ecológico" em São Paulo, com visita ao parque Itaguassu. O evento, muito bem planejado, teve guia especializado e possibilidade de banho em lago. Durante o passeio não se encontraram crocodilos...

### ARTIGO SOBRE ESPERANTO EM REVISTA DE SINDICATO

O Esperantista David Bianchini, de Campinas / SP nos envia o número de novembro da revista 'SIMPRO CULTURA", do sindicato dos professores, contendo o belo artigo "Esperanto, quem fala essa língua". (davidesperantista@gmail.com)

### MAIS UM NÚMERO DO "SOTEROPOLITANO"

O simpático boletim trimensal traz mensagem de Natal e outros interessantes artigos. Redação de Inácio Araújo.

### NOSSA GRATIDÃO AOS COLABORADORES DO "BEL INFORMAS"

Sem eles, nosso boletim não teria chegado aos leitores!
Muito obrigado, José R. Tenório (diagramação), Conceição Rodrigues (expedição da versão em papel) e Alfredo Aragon (expedição da versão pela internet).

Februare 2010 - Piracicaba

Por pliaj informoj, vizitu la retejon
http://winart.com.br/blogwinart/